23a Jaro - No 3 (241) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Marto 1937a

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908a

Oficiala Organo de Reĝa Belga Ligo Esperantista

Societo sen profita celo. --- Belga Ŝtatgazeto 27.6.36

DIREKTORO:
Maur. JAUMOTTE
41, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

ĈU «ĈIO BONE FARTAS, MARKIZINA MOŜTO»?

## Internacia Organizo kaj Universala Kongreso

Niaj legantoj scias, ke antaŭ diversaj monatoj stariĝis la nova internacia organizaĵo I.E.L., al kiu, intertempe, aliĝis ĉiuj naciaj societoj.

Ni neniam, en nia organo, multe skribis pri la internacia organiza demando, unue, ĉar la diversaj partioj, per multaj paperoj, senditaj individue al ĉiuj, kiuj iam estis membroj de U.E.A. sufiĉe informis ĉiujn pri la demando; due, ĉar, laŭ ni, en gravaj okazantaĵoj oni bezonas disciplinon.

En tiu ĉi okazo, ne gravis, ĉu iu detaleto en la regularo ne estis tutekzakte aplikita. Gravis la fakto, ke la tuta estraro de U.E.A., post multaj aranĝklopodoj devis, kontraŭvole, konfesi, ke aranĝo en U.E.A. mem ne plu estis ebla.

De tiu momento, ĉiuj havis la devon regrupiĝi ĉirkaŭ tiuj, al kiuj la fido de la membraro konfidis la oficialajn postenojn.

La naciaj societoj ĉiuj tion komprenis, kaj ĉiuj, unu post alia, post aŭdado de la diversaj instancoj, antaŭviditaj de sia propra regularo, decidis en tiu senco.

Estis tamen interese, vidi ĉu tiu ŝanĝo, kiu, dum momento, riskis konduki la tutan internacian movadon al danĝera skismo, efektive ne domaĝos al la tuta movado.

Nunmomente, ni povas diri, ke, en Belgujo, la demando estas solvita. Krom eble unu aŭ du esceptoj, ĉiuj niaj membroj, estas aliĝintaj kiel simplaj aŭ aktivaj membroj al I.E.L.

Kaj ni povas ĝoji, ĉar el ĉiuj landoj atingas nin similaj novaĵoj.

De nun do la ekzistado de I.E.L. estas plebicitigita, ne nur per voĉdona sed per mondona aprobo, kio estas multe pli interesa. Ni do povus konkludi... ke «ĈIO BONE FARTAS, MARKIZINA MOŜTO».

Se iuj membroj de la malnova U.E.A. volas klopodi, daŭrigi la ekzistadon de tiu organizaĵo, sur alia bazo, ol tiu, kiu ekzistis en la lastaj jaroj, estas ilia rajto. Se iuj membroj volas, ekster I.E.L. ankaŭ aliĝi al U.E.A. aŭ al kiu ajn alia, internacia aŭ faka aŭ profesia, organizaĵo estas ankaŭ ilia rajto.

Ni neniam skribos malaproban vorton pri tio.

Sed la nova situacio prezentis, en la lastaj semajnoj, alian danĝeron. La Universala Kongreso, kiu okazos, dum Aŭgusto proksima, en Varsovio, estis decidite longtempe antaŭ la diskutoj kaj disputoj en kaj pri U.E.A., ankaŭ longtempe antaŭ la kreado de I.E.L.

La demando do ekiĝis, ĉu tiu Kongreso estos la Kongreso de I.E.L. aŭ la Kongreso de U.E.A.

La L.K.K. en Varsovio staris tie, antaŭ tre grava problemo. Ĝi estis starigita, kiam, por ĝi, la leĝo ankoraŭ estis: La licencpago iros al U.E.A., sed la nova evoluo de la movado diras tutalie

Tiu ĉi mona flanko ne jam estas tute aranĝita. La estraro de I.E.L. pridiskutas la aferon kun la L.K.K.

Sed io estas jam certa, la Kongreso de Varsovio klopodos resti ekster eventualaj disputoj kaj luktoj. La Kongreso en Varsovio, antaŭ ĉio, estas jubilea Kongreso, dum kiu oni volas memorigi al la mondo la 50-jaran faktan kaj efektivan ekziston de nia lingvo.

Tiu Kongreso, pli ol kiu ajn alia, devas esti alirebla al ĉiu samideano, kiu ajn estu lia opinio pri la organiza demando. Kaj ĉiuj la partoprenontoj devas esti certaj, ke ili povos vivi dum tiu jubilea Kongreso, vere jubilean atmosferon, tio estas, antaŭ ĉio, atmosfero serena.

Tial I.E.L. verŝajne konsentos, ke dum la oficialaj partoj de la Kongreso, oni ne parolu pri I.E.L., nek pri U.E.A., kaj ke la kunvenoj de la I.E.L.-anoj, kiuj, kompreneble, tamen devos okazi, estu konsiderataj, kiel ekster-programaj.

Ni esperas, — ne, ni estas certaj, — ke niaj gvidantoj trovos solvon, kiu permesos, ke nia jubilea Kongreso okazu tamen, en bonaj kondiĉoj, kaj estu same grandioza, kiel la antaŭaj.

Kaj fortaj pro tiu espero, ni de nun instigas niajn membrojn, kiuj vidas la eblecon iri Polujon, aliĝi tuj.

Ni povas imagi al ni la situacion de tiu malfeliĉa L.K.K., kiu kunmetis grandajn planojn, kiuj certe kaŭzos multajn elspezojn, kaj kiu ne ricevis, ĝis nun, nombron de aliĝoj, kiu korespondas al la sammomenta situacio, en antaŭaj jaroj.

Ni kuraĝigu ĝin, por ke ĝi povu daŭrigi la pezan taskon, kiun ĝi prenis sur sin, en momento, kiam nenia nubeto, ĉe la horizonto, antaŭvidigis la malfacilaĵojn, kiujn ĝi nun renkontas.

Maur. JAUMOTTE.

# Reĝa Belga Ligo Esperantista

### NIA LINGVO.

Sekve al demando de diversaj membroj, precipe profesoroj kaj grupgvidantoj, ni petas ĉiujn niajn kunlaborantojn, uzi, en artikoloj kaj raportoj, kiel eble plej multe la ordinare uzatajn kaj plej facile kompreneblajn vortojn, flankelasante, kiel eble plej, la arkaismojn kaj neologismojn, kiuj devigas al serĉado aŭ al peto de klarigo.

Ni memorigas, tiuokaze, ke la redakcio rezervas al si la rajton, ŝanĝi eventuale ne nur erarojn, sed ankaŭ formojn, kiuj havas sian lokon, en beletristika revuo, sed ne en propaganda gazeto.

◆

### NIA JARKUNSIDO.

En proksima numero, ni presos la tagordon de la laŭleĝa jarkunsido de la Societo sen profita Celo « REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTO ».

Sed ni, de nun, jam atentigas pri la fakto, ke ĝi okazos en Bruselo, Dimanĉon, la 18-an de Aprilo, posttagmeze.

Antaŭtagmeze, okazos kunveno de la nova administrantaro, kiu, de tiu momento, prenos en manoj la gvidadon, kiu, provizore, de Pentekosto 1936, estis lasata al la estraro.

◆

### NIA GAZETARA SERVO.

Jam kvar diversaj komunikoj estis forsenditaj, de pasinta monato ĝis nun, al la gazetoj belgaj.

Pri kelkaj ni scias, ke ili enpresis tiujn informojn. Ni tamen dezirus tion scii pri kiom eble plej multaj ĵurnaloj. Ni tial petas la grupojn kaj individuajn membrojn, sendi eventuale eltranĉaĵojn aŭ informojn, tiurilate, al nia gazetara Sekretario, S-ro Sielens, Kroonstraat, 145, Borgerhout, aŭ eventuale kun aliaj sendaĵoj, al nia sekretariejo.

◆

### SPECIALAJ NUMEROJ.

La tro eta nombro de la mendoj pri la specialaj numeroj, kun novaĵoj en tri lingvoj, ne permesis al ni presi tiajn foliojn.

Ni rezignas do, momente, la presadon de pliaj tiaj novaĵetoj, ĝis post la kunveno de la administrantaro de proksima monato, kiu decidos pri eventuala daŭrigo kaj presado.

## XXVIa Belga Esperanto-Kongreso, Antverpeno 15-16-17 Majo 1937

### MARTA KOMUNIKO :

En proksima numero, ni havigos ĉiujn detalajn informojn pri aliĝoj al la diversaj aranĝoj, kiuj estas antaŭvidataj por nia 26a Belga Kongreso.

Ĉio estas preparita de nun, por ke, je la momento de la alvenoj de tiuj aliĝoj, ĉio povu esti ordigata, en minimumo de tempo kaj tamen kun plej granda zorgo.

Ni redonas ĉi sube la provizoran programon. Tiu programo estas definitiva, krom pri unu aŭ du punktoj, pri kiuj ni atendas respondon de la koncernaj instancoj, t.e. por la Diservo kaj por la Solena Kunsido.

**Lastmomente, ni ekscias ke S-ro Cam. Huysmans, urbestro, akceptis la Honoran Prezidantecon de la Kongreso.**

### PROVIZORA PROGRAMO.

**Sabate.**

14.00 h. Malfermo de la akceptejo en Witte Leeuw, Frankrijklei, 4.
15.00 h. Ekzameno pri profesora kapableco (ĝis 17.30 h.).
16.00 h. Vizito (aŭtomobile) de delegitaro al la tombo de la Prezidinto Frans Schoofs.
17.00 h. Florumado de la monumento al la Milit-mortintoj, apud la Nacia Banko.
17.30 h. Laborkunsido en Witte Leeuw (ĝis la 19a).
19.00 h. La L.K.K. aranĝigos en apuda restoracio malmultekostan vespermanĝon, por tiuj kiuj deziros.
20.30 h. En salonego Châtelet : Kabared-vespero, sekvata de dancado ĝis la 24a horo.

**Dimanĉe.**

9.00 h. Diservo en Esperanto, se eble en la ĉef-preĝejo aŭ en la « Sint-Karolus »-preĝejo.
9.45 h. Kunveno sur la Granda Placo, antaŭ la Urbdomo.
10.00 h. Oficiala akcepto de la urbestraro.
11.00 h. Fotografado de la kongresanoj.
11.30 h. Solena kongresa kunsido (se eble en la « Provinca Domo », Schoenmarkt).
13.00 h. Komuna tagmanĝo en restoracio de la urbocentro. — Mallonga programo realigota de la infanaro esperantista.
15.00 h. Vizitoj en grupoj, laŭplaĉe al Zoologio, al Muzeo Plantin, al ĉef-preĝejo aŭ Torengebouw, sub la konduko de gvidantoj.
18.00 h. Festeno en « Century » Hotelo.
21.00 h. Balo kun specialaj numeroj, en la salonego de la Panoramo de « Century »-Hotelo.

**Lunde.**

10.00 h. Kunveno ĉe la enirejo de la malgranda tunelo Promenado tra la tunelo por piedirantoj, sub la Skeldo al la maldekstra bordo : « Sankta Anna » ; per ekspresvagonareto al la banejo kaj vizito de la banejo. Reveno per specialaj aŭtobusoj tra la granda tunelo por veturiloj ĝis la Centra Stacidomo.
Per speciala vagonaro al Lier. — Tagmanĝo — Vizito de la vidindaĵoj, kiel Zimmertoren, beginejo, aŭ malnova preĝejo. — Per speciala vagonaro al Bouwel.
16.30 h. Enŝipiĝo, en Bouwel, sur Wirtz-boato kaj reveno al Antverpeno laŭ Albert-Kanalo. — Per specialaj tramveturiloj de la Strasburga doko (Noorderlaan) ĝis la Centra Stacidomo.
19.00 h. Disiĝo.

### LISTO DE KONGRESANOJ :

134 F-ino M. M. Mestdagh, Bruĝo.
135 S-ro Oscar Berteloot, Roeselaere.
136 S-ro Charles Van Reybroeck, Antverpeno.
137 S-ino Elise Van Reybroeck, Antverpeno.
138 S-ino Latinne-Van den Putte, Antverpeno.
139 F-ino Germaine Latinne, Antverpeno.
140 S-ino Elworthy-Posenaer, Antverpeno.
141 S-ro Lodema, Antverpeno.
142 S-ino Lodema, Antverpeno.
143 S-ro Fr. Cool, Antverpeno.
144 S-ino Cool-Van den Bosch, Antverpeno
145 S-ro Jürgen Jacobssohn, Bruselo.
146 S-ino Jacobssohn, Bruselo.
147 S-ino De Rijdt, Antverpeno.
148 F-ino Maria de Jongh, Rotterdam.

# Nia Jubilea Kongreso en Varsovio

ADRESO: 29-a Universala Jubilea Kongreso de Esperanto, Chmielna 26 m. 8, Warszawa II, Pollando. Pola poŝtĉekkonto: Warszawa N-ro 23.445.

SEKCIOJ: Jam funkcias tuta vico da sekcioj: propaganda kaj gazetara; turisma kaj loĝeja; literatura; grafika kaj dekoracia; teatra; kursa; fakaj kongresoj kaj kunsidoj; sporta; pri jubileaj aranĝoj kaj ekspozicio.

PROPAGANDA KAJ GAZETARA SEKCIO: Gvidanto red. Adam Uziembło. La sekcio komencis energian agadon en pola kaj eksterlanda gazetaroj.

TURISMA KAJ LOĜEJA SEKCIO: Gvidanto direktoro en kabineto de Trafikministro s-ro Bronislaw Wyszynski. Ĉiujn turismajn aferojn preparas sub gvidado de la prezidanto de LKK Wyszynski la Societo Turisma de Esperantistoj en Polujo. La Trafikministerio aperigos baldaŭ 12 esperantlingvajn broŝurojn pri diversaj polaj urboj kaj regionoj. Organizataj estas komuna pilgrimo al la naskiĝurbo de nia majstro, Bialystok, kaj kvin postkongresaj ekskursoj:

a) Warszawa - Poznan - Biskupin (antikvaj elfosaĵoj) - Katowice (karbminejoj) - Wislamontaro (Okc. Beskidoj);

b) Warszawa - Bialowieza (mondfama sovaĝa arbarego) - Vilno - Augustów (pitoreskaj lagoj);

c) Warszawa - Gdynia (la plej granda kaj moderna haveno ĉe la Balta Maro) - duoninsulo Hel;

d) Warszawa - Kraków - Wieliczka (famaj salminejoj) - Zakopane (Tatra-montaro);

e) Warszawa - Lwów (vizitado de famaj naftoterenoj) - Worechta (Orientaj Karpatoj).

*Rimarko*: Ĉiu ekskurso finiĝas en pitoreska somerrestadejo.

LOĜEJOJ: La prezoj estas por unu persono kaj nokto (en anglaj ŝilingoj kaj pencoj):

| | |
|---|---|
| Hotelo luksa . . . . . . . | de 8.6 |
| Hotelo unuaranga . . . . . | de 7.0 |
| Hotelo duaranga . . . . . | de 5.0 |

En turistaj, privataj kaj komunaj lokoj la prezo estas de 1.6 ĝis 4.0 (depende de kvartalo kaj de kvalito de ĉambro).

MANĜADO: Manĝado en Polujo estas malkara. Por orientiĝo ni prezentas prezojn en meze bona restoracio (en anglaj ŝilingoj kaj pencoj): Matenmanĝo (kafo aŭ teo, ovoj, buterpano) 1.—; tagmanĝo 1.— ĝis 2.—; vespermanĝo 1.— ĝis 1.6; oni povas tamen bone manĝi por ŝil. 2.6 tage.

Ĉiuj prezoj en hoteloj kaj restoracioj estas en Polujo sen iaj alpagoj; trinkmono ĉiam enkalkulita. LKK klopodos organizi tre malkaran manĝejon en la Kongresejo mem.

LITERATURA SEKCIO: Gvidanto Juljan Tuwim. Oni projektas aranĝi literaturan konkurson, eldonon de « Ora Libro de Esperanto », Pola Antologio ktp.

GRAFIKA KAJ DEKORACIA SEKCIO: Gvidantoj Waclaw Falkowski, artisto-grafikisto, kaj Jakób Wizenberg, inĝeniero-arkitekto. Baldaŭ aperos jubilea glumarko.

TEATRA SEKCIO: Gvidanto Feliks Falkowski, dram-artisto. — La distra parto de la Jubilea estas jam preparata. Dum kongresa koncerto pianludos nia eminenta samideano, la konata Chopin-interpretristo, Imre Ungar el Budapest. Dum Interkonatiĝa Vespero estos prezentata literatura Esperanta kabaredo. En tiu sekcio kunlaboras Jean Forge.



*Panoramo de la urbo Varsovio*

KURSA SEKCIO: Gvidanto Borys Strelczyk. — Amasaj kursoj komenciĝas en februaro. Estas kontraktita la konata Cseh-instruisto Tiberio Morariu.

SEKCIO PRI FAKAJ KONGRESOJ KAJ KUNSIDOJ: Gvidantoj Eugenjusz Rytenberg kaj Jan Zawada. Ĝis nun anoncis siajn fakajn kongresojn:

1. UABO. Organiziĝis LKK de Blindula Kongreso konsistanta el: Bronislaw Wyszynski; majoro Edwin Wagner, parlamentano; Edward Zawadzki, direktoro de Ŝtata Blindul-Instituto en Varsovio; kapitano Jan Silhan, prezidanto de UABO; kaj Eug. Rytenberg. S-ro dir. Zawadzki disponigis tute senpage al blindaj kongresanoj la domegon kaj internaton de la Instituto. Adreso de la sekretario: Jan Silhan, str. Prof. Ptasnika 45, Lwów.

2. TAGE. Dum la Jubilea okazos same kongreso de Tutmonda Asocio de Geinstruistaj Esperantistoj. Informas s-ro D-ro Bj. Beckman, Konstapelsgatan 19, Karlskrona, Svedujo.

3. TEKA. La prezidanto de TEKA, D-ro Wilhelm Robin, direktis al ĉiuj samideanoj-medicinistoj alvokon pri tiu kongreso. Estas fondita speciala porkongresa TEKA-sekcio, konsistanta el gravaj kuracistoj kaj profesoroj. Sekretario estas D-ro Mieczyslaw Zamenhof, str. Senatorska 36, Warszawa.

4. KOOPERATIVO. Estas projektata fondo de Internacia Oficejo por kooperativaj problemoj. La Kooperativa Asocio de Polujo akceptis protekton kaj organizon de tiu ĉi kongreso.

Oni klopodas organizi kongresojn de katolikaj esperantistoj, profesiaj ĵurnalistoj, UDEV k.a.. Estraroj de aliaj fakaj Esperanto-organizajoj estas insiste petataj interrilati tuj kun la sekcio pri fakaj kongresoj kaj kunsidoj.

SPORTA SEKCIO: Gvidanto Tadeusz Mayzner. Tiu sekcio dependas de sufiĉa partopreno de sportantaj samideanoj. Respondis ĝis nun nur svedoj kaj rumanoj. La polaj sportaj instancoj promesis ĉiun helpon kaj disponigon de necesaj sportejoj. Estos vizitata la Centra Sporteduka Instituto, unu el la plej bone aranĝitaj en Eŭropo.

JUBILEAJ ARANĜOJ KAJ EKSPOZICIO: Solenaĵoj ĉe la tomboj de la majstro kaj Grabowski, Festo de Veteranoj kaj Jubilea Ekspocio estos aranĝitaj de tiu ĉi sekcio. Ĉiuj landaj organizaĵoj, grupoj kaj izolaj samideanoj, kiuj posedas interesajn kaj propagandsignifajn ekspoziciaĵojn, bonvolu ilin pruntedoni al ni. Ĉiu sendaĵo estos kvitancata kaj resendata post la Kongreso. La liston de la alsendota materialo bonvolu havigi al ni en tri kopioj.

PLUAJ KOMUNIKOJ en la sekvontaj numeroj.

## Lastaj novaĵoj pri la Jubilea Kongreso

Laŭ la sciigo de la ĉeĥoslovaka Fervoja Ministerio ĉiu partoprenonto de la Universala Kongreso en Varsovio profitos 25 %-an rabaton sur la ĉeĥoslovakaj fervojoj. La specialajn legitimilojn prizorgas s-ano R. Bloch, Praha-Smichov 106, Ĉeĥoslovakujo.

Ministerio por Eksterlandaj Aferoj de Ĉeĥoslovakujo per la dekreto N-ro 162-934/V-4/36 de 19.12.1936 donos senpagajn ĉeĥoslovakajn vizojn por partoprenontoj de la Jubilea. La vizojn donos la konsulejoj senpage.

Ĉiu centa aliĝinto al la Kongreso ricevos belan memoraĵon.

Societoj, samideanoj, dezirantaj ricevi la murafiŝojn, tuj skribu al LKK. Ankaŭ bv. skribi tiuj, kiuj jam skribis, sed pro iaj kaŭzoj ne ricevis.

PRI BELA VOJAĜO

# La Verda Stelo: Hela Suno en la sudaj Insuloj

*(Prokrastita dum diversaj monatoj)*

Hela suno ĝi ja vere estis por mi, nia kara Verda Stelo, dum la vojaĝo, kiun mi faris, en Sept./Okt., kaj pri kiu mi volas ion rakonti, ĉar oni jam diversloke petis min pri ĝi... kaj precipe, ĉar ĝi permesis al mi, fari propagandon, kiu jam efikis kaj certe ankoraŭ efikos.

La vojaĝo, kiun mi faris, en la monato de Septembro pasinta, iris al Portugalujo, al franca Maroko, al la insuloj ĉiam belaj, ĉiam sunaj de Madeiro kaj de la Acoroj.

Mi ne klarigos al la legantoj de «Belga Esperantisto», kiel eklaboras Esperantisto, kiu volas renkontiĝi, ialoke suvoje, kun tieaj samideanoj.

Tri leteroj sufiĉis al mi, por atentigi pri mi, en la tri elŝipiĝlokoj, kies lingvon mi ne konas, la delegitojn de U.E.A., (nun eble jam de I.E.L.), kaj, krom ili, ankoraŭ multajn aliajn simpatiajn samideanojn.

Imagu al vi, la atmosferon, en kiu oni alvenas en Lisboa, post kiam, de Antverpeno ĝis tie, oni dum pli ol tri tagoj, nenion vidis krom akvo, eĉ ne la plej etan pecon da tero, tio, pro nebulo en la unua parto de la vojo; pro militrisko en la dua. Ĉiuj staras sur la ferdeko, pretaj, — kion mi diras? — senpaciencegaj, por forlasi tiun ŝipon, sur kiun tamen ilin vokis nur la plezuremo.

Kaj tamen kvankam la ferŝnuroj jam ligas la ŝipon al la kajo, oni ne jam povas forlasi ĝin. Multnombraj oficialuloj: medicinaj, havenaj, policaj aŭtoritatoj devas unue ekzameni la paperojn kaj, per mallarĝa ponteto supreniras.

Kaj, malantaŭ ili, jam ekvidiĝas malgranda verda steleto, ĉe la butontruo de simpatie aspektanta viro.

Momenton poste, nia bela lingvo eksonas sur la ferdeko. Du Esperantistoj, ne konante unu la alian, tamen rekonis sin, kaj gaje babilas; iom laŭte babilas por ke ĉiuj tiuj, kiuj atendas ĉe la pasejo, aŭdu; iom rapide ankaŭ, por ke ili havu la impreson pri vigla, vere vivanta lingvo.

Je la unua momento, iuj kredas, ke la portugalan lingvon oni parolas apud ili. Iuj, kvankam ne konante tute la lingvon, tamen rekonas, ke ne estas la portugala. Iuj eble vidis ĉe du butontruoj du similajn insignetojn, kaj subite ni aŭdas apud ni:

— Estas Esperanto!

Kaj dek buŝoj ripetas, kaj baldaŭ pli ol ducent homoj scias, ke, tie, apud ili,



*Sur glitseĝo en Madeiro.*

du homoj renkontiĝis, apartenante al du tute diversaj nacioj kaj kiuj tamen interbabilas kaj neniu havas la impreson, ke unu el ambaŭ parolas por li fremdan lingvon.

Estas homoj inter tiuj ducent, kiuj, dum vojaĝo, ne nur deziras ekkoni pejzaĝojn, sed kiuj ankaŭ dezirus ekkoni la homojn, ekkoni la ekonomian situacion, la veran vivon de la popoloj.

Kaj la tempo urĝas. Ili nur havos tre malmulte da tempo por pasigi en Portugalujo.

Tiam, tiuj, kiuj pro tri-taga interkonatiĝo, kredas ke ili povas permesi al si, sin entrudi en la intimecon de la belga Esperantisto, demandas al li klarigojn.

Kaj la belga Esperantisto, tradukas la demandon al la Portugala, kaj la Portugala respondis... en Esperanto, tiel ke la belga denove povu traduki, kaj sentigi al tiuj kunvojaĝantoj liaj, kio mankas al ili, grandaj vojaĝantoj, malbone armitaj.

◆

Kaj kiam la postan tagon, la ŝipo jam estis forlasanta la kajon, dum, tie, ankoraŭ ĉiam ĉapelo en la aero salutas la forirantan novan amikon, multaj turnis sin al mi.

Neniu inter la vojaĝantoj iam estis supozinta, ke Esperanto estas vere io tiom vivanta.

Kiam, — ĉe la alveno en Funchal, kie la ŝipo ne kapablas alkajiĝi, kaj devas ankri je kelkaj cent metroj de la marbordo, en la jam hela lumo de la tie ĉiam suna matenkrepusko, alkuris speciala ŝipeto kun du Esperantistoj, patro kaj filo, kun kiu rekomenciĝis la amika interkonatiĝo kaj babilado, — la surprizo estis ankoraŭ pli granda.

Ne nur sur la kontinento, sed ankaŭ en tia insulo, kiel Madeiro, Esperanto estis konata kaj praktikata; kaj esperantistoj estis informitaj pri alveno de samideano! Tio revigis kelkajn, kiujn la unua provo kaj pruvo ne estis tute konvinkiginta.

Ĉu mi daŭrigos: Jes mi daŭrigos!

Eble tamen ankoraŭ restis kelkaj skeptikuloj sur la ŝipo... Sed ne malesperu. Tiuj ricevis la « knock-out »-an baton, kiam en la belega, sed en la Oceano perdita insularo de Acoroj, ne unu, sed tuta karavano, pli ol dekduo da Esperantistoj, atendis la per verda stelo ŝirmitan vojaĝanton.

En la Acoroj... Ho mi scias, ne estas sovaĝuloj la Acoranoj, — mi efektive interkonatiĝis tie kun la plej simpatiajn amikojn, kiujn oni povas imagi al si —, sed, tamen, por ni, la Acoroj estas tiel foraj, ke oni povus pensi, ke Esperanto estus superreganta la mondon, antaŭ ol ĝi atingus tiun landeton, kie nur malofte alvenas ŝipo!

Kaj kiam tie, — dum oni preparis sin por eksidiĝi en la aŭtomobilojn, per kiuj ni estis farontaj la grandan ekskurson al la belaĵoj de la Acoroj, — ni devis, vole nevole, alparoladi surstrate la junajn samideanojn, inter kiuj la plimulto neniam vidis fremdan Esperantiston, tiam vere la lastaj duboj pri la taŭgeco de Esperanto, falis.

Kaj dum la reirvojaĝo al Antverpeno, ni pasigis nian tempon, klarigi, ĉiam al novaj interesitoj, la historion, la konsiston kaj la estontecon de nia lingvo.

Kaj veraj skeptikuloj konfesis al ni, fine, ilian pretecon helpi al nia propagando.

Mi ne citos nomojn, krom tiu tamen de la Belga Rotaryestro, kiu, de tiam jam, montris ke li ne forgesis, kaj kiu invitis min al paroladoj en la Rotarykluboj en nia lando; paroladoj, kiujn mi jam faris en du, nome en tiuj de La Louvière kaj en Antverpeno, kaj kiuj estis des pli utilaj, ĉar la Internacia Rotary okupiĝas, nunmomente, pri la elekto de internacia lingvo.

Tiel miaj memorpripensoj pri la bela vojaĝo, kiun mi faris, estas kaj restas duoble gajaj.

Maur. JAUMOTTE.

# BELGA KRONIKO

## GRUPA KALENDARO :

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20.30-a h. (atentu la horŝanĝon).

Sabaton, la 6-an de Marto, je la 20.30-a h.: Mezfasta Balo. Speciala peto : Kostumo de servisto aŭ servistino. Nekostumitaj partoprenantoj pagos monpunon, kiu rajtigos al ricevo de kufeto.

Dimanĉon, la 7-an, je la 15-a h.: Festo por la infanoj.

Sabaton, la 13-an : Antaŭmanĝaĵa vespero, en « Zenith », Frankrijklei, 50.

Dimanĉon, la 14-an, je la 11-a h. : Ceremonio ĉe la tombo de la Prezidinto-Fondinto Fr. Schoofs. Rendevuo ĉe la tombo je la 10.45a horo.

Sabaton, la 20an : Printemp-muzika vespero. Diplomdisdono al la lernintoj de S-ro Van Dijck.

Sabaton, la 27-an : Paska festeto. Ĉiu kunportu surprizon, kiel por Kristnaskarbo, sed en formo de « ovo » aŭ enpakita kiel « ovo ».

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59. KUNVENEJO : Kafejo « Vlissinghe », Bleekersstraat, 2, rue des Blanchisseurs.

Mardon, 2-an : KUNVENEJO, a) Legado kaj klarigado B.E. ; b) rezulto de la redakta konkurso. (Prez. S-ro G. Groothaert.)

Mardon, 9-an, je la 19.30-a h. : SIDEJO, Priparolado de D-ro P. Kempeneers, Prezidanto de Reĝa Belga Ligo Esp., kun filmoj : 1) Kelkaj esperantistaj travivaĵoj dum la jaro 1936 ; 2) Vojaĝo tra Germanujo kaj Aŭstrujo al la Internacia Esp.-Kongreso en Vieno. (Prez. F-ino Y. Thooris.) ATENTU PRI LOKO KAJ HORO.

Mardon, 16-an : SIDEJO, Kantvespero, Gvidado F-ino A. Boereboom, ĉe la piano: S-ino M. Van Roye.

Mardon, 23-an : KUNVENEJO, a) Priparolado de S-ro J. Rombauts pri Fotografio; b) Triopa babilado kun posta publika raportado. — (Prez. S-ro H. Van Roye.)

Mardon, 30-an : KUNVENEJO, Gvidata interparolado. (Prez. S-ro Ch. Poupeye.)

N.B. — Dum ĉiu ordinara kunveno : instrua parto, klarigado de tekstoj, daŭrigo de la legado « Vivo de Zamenhof » ktp. — La grupa BIBLIOTEKO estas malfermata ĉiumarde, de la 19.30-a ĝis la 20-a, en la SIDEJO. Bibliotekistoj : S-ro Karel Decoster kaj F-ino M. Vanden Berghe. Tie ankaŭ samtempe : vendado kaj mendado de esperantaĵoj : libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero. HELPA VENDEJO de esperantaĵoj estas malfermata ĉe F-ino M. Huyghe, Potterierei, 1, Quai de la Poterie. (Helpa poŝtoficejo.)

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo : « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde je la 20.30-a horo.

GRAVA RIMARKO. — **De nun, Brusela Grupo ĉiam kunvenos en HOTELO ALBERT I. — Oni bonvolu de nun sendi ĉiujn korespondajojn tien : Placo Rogier 10.**

Lundon la 1-an de Marto : Kinematografa prezentado. Novaj filmoj de D-ro Kempeneers.

Ĵaŭdon la 4-an : Komitatkunveno.

Lundon la 8-an : Parolado de F-ino Obozinski : « Svisujo ». Kun lumbildoj.

Dimanĉon, la 14-an: Promenado al Forêt de Soignes — Zoniënbosch. Rendevuo je la 14-a h. 15 en la Petite Espinette — Kleine Hut.

Lundon la 15-an : Sinjoro Mathieux faros tre interesan prelegon, kun lumbildoj, pri : « BRETONLANDO ».

Lundon la 22-an : Parolata ĵurnalo.

Lundon la 29-an : Paska lundo. Ne okazos kunveno.

GENTO — **Genta Grupo Esperantista.** — Kunvenejo en la lernejo Nova Strato Sankto Petro n-ro 45 : ĉiumerkrede je la 7-a vespere.

## GRUPAJ RAPORTOJ :

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Sabaton, la 6-an de Februaro, okazis bone sukcesinta balo. La salono estis belege ornamita per girlandoj kaj afiŝoj, speciale desegnitaj, kaj kiuj helpis krei la specialan atmosferon al tiu dancfesto, por kiu oni demandis al ĉiuj kostumon « apache ». Neniam la Verd'stelanoj antaŭe imagis al si la kvalitojn kaŝitajn de iuj membroj. Plej bona atmosfero, regis dum la tuta vespero kaj tiu vespero iĝis unu el la plej bonaj kaj gajaj dancfestoj iam okazinta.

La 13-an, okazis la 2-a laŭleĝa jarkunveno. S-ro Jaumotte rapide akceptigis la diversajn punktojn, pritraktitajn jam dum la unua kunsido kaj inter kiuj, la aprobo de la bilanco kaj la elekto de S-ro Van Dijck kiel administranto-kasisto.

Poste okazis la disdono de la bronza medalo al la membroj, kiuj jam dekfoje pagis sian kotizon al la grupo. Inter la jubileantoj, kiujn li gratulis, S-ro Jaumotte speciale citis S-inon Elworthy-Posenaer kaj S-ron Louis Ritschie, kiuj, — kvankam ili estas membroj de « La Verda Stelo », nur de antaŭ dek jaroj, — tamen jam dum pli ol kvaronjarcento propagandas por nia lingvo. La aliaj jubileantoj estas: F-ino C. De Decker, S-ino J. De Hondt-Hubens ; S-ino De Luyck-Richelle, S-ino Feront-De Herdt, S-ro Luyten, S-ino Richard, S-ro Rik Sauter, S-ro Jan Van Bockel, F-ino Ald. Van Wijn, S-ro Max Bolsius, S-ino Al. Bolsius-Deneer, S-ro Fr. Cool, S-ino Cool-Van den Bosch, F-ino Jeanne De Vos, S-ino Liv. Merckx-Herinckx, S-roj Bern kaj Eri Rakower, S-ro Ch. Van Reybroeck, S-ro Leop. Xhoffer kaj S-ro Oscar Van Dijck.

S-ro Jaumotte ankaŭ transdonis « in memoriam » medalon je la nomo de S-ro Gustave Faes, al ties filo, S-ro Aug. Faes, ĉar, ankaŭ post la morto, la kotizo estis pagita ĝis dekfoje. De nun tiu ĉi kotizo estos konsiderata, kiel premio por frupago.

Post kiam la Prezidanto estis transdoninta la diversajn medalojn, la vicprezidanto S-ro Boffejon honorigis S-inon Jaumotte, per la arĝenta medalo « pro merito », ĉar ŝi, dum la dekjara prezidanteco de ŝia edzo, ĉiamaniere, helpis al la vigligo de la grupa vivo.

La saman vesperon estis organizata en la salono, ekspozicio de libroj de Baghy kaj Kalocsay kaj S-ro Vermuyten belege legis kaj deklamis ekstraktojn el ties verkoj.

Sabaton, la 20-an, okazis la unua monata komuna manĝo: Mitulvespero, en salono « Zenith » (eks-Belgia) kaj inter ĉiuj la en la lastaj jaroj aranĝitaj vespermanĝoj, tiu ĉi, tre certe, estis la plej bone organizita kaj la plej kontentiga. Tio instigis la ĉeestantojn jam aranĝi la sekvantan, kiu estos « antaŭmanĝaĵa » vespero.

**BRUĜO. — « Bruĝa Grupo Esperantista », Reĝa Societo.** — La 12-an de Januaro okazis kanta vespero sub gvidado de F-ino A. Boereboom, helpata de S-ino M. Van Roye ĉe la piano. — F-ino M. Vanden Berghe daŭrigis la legadon el « Vivo de Zamenhof ».

La 19-an, S-ro G. Groothaert prezidis redaktan vesperon. Ĉiuj ĉeestantoj skribis kelkajn liniojn pri la temo « Foiro ». La legado de tiuj taskoj, farata de la deĵoranta prezidanto, vekis grandan intereson. Ankaŭ la legadon el « Vivo de Zamenhof » S-ro Groothaert daŭrigis.

La ĝenerala jarkunsido de la grupo, okazis la 26-an en la kunvenejo « Vlissinghe ». 47 gemembroj ĉeestis. F-ino Y. Thooris, Prezidantino, faris sentoplenan moralan raporton, S-ro Groothaert donis detalan analizon pri la grupa aktiveco dum 1936, F-ino M. Vanden Berghe legis la bonrezultan financan raporton de S-ro Guillaume, kiu senkulpiĝis pro malhelpo, kaj S-ro K. Decoster raportis pri la biblioteko, kies utilan servon la membroj jam pli regule uzadas. Ĉar S-ino M. Algrain, vicprezidantino, anoncis sian deziron, eksiĝi kiel komitatanino, la kunveno aprobis la proponon, doni al ŝi la titolon : Honora Vicprezidantino. Sekvis la reelekto de la komitato per sekreta baloto. Krom la restantaj komitatanoj, ĉiuj reelektataj, S-roj Karel Decoster kaj Henri Van Roye iĝis novaj komitatanoj. La komitato konsistas nun do jene: F-ino Y. Thooris, Prezidantino; S-ro Ch. Poupeye, vicprezidanto; S-ro G. Groothaert, sekretario; S-ro G. E. Guillaume, kasisto; F-ino M. Vanden Berghe, helpa sekretariino kaj bibliotekistino; F-ino A. Boereboom kaj S-ino Y. Vrielynck-Hubrecht, konsilantinoj; S-ro K. Decoster, konsilanto kaj bibliotekisto; S-ro H. Van Roye, konsilanto.

La 2-an de Februaro, post la legado el « Vivo de Zamenhof » farita de F-ino M. Vanden Berghe, S-ro Ch. Poupeye prezidis la legadon de B.E. kaj donis la necesajn klarigojn. La ĉeestantoj agrable finis la vesperon per triopa babilado, kiel ekzerco por la novaj samideanoj.

La 9-an de Februaro, la prezidantino, F-ino Thooris, anoncis intiman grupan feston dum Aprilo. La vespero estis dediĉata al kantado sub gvidado de F-ino Boereboom kun akompanado de S-ino Van Roye ĉe la piano.

**BRUSELO. — Esperantista Brusela Grupo.** — La 4an de Januaro, en Albert I, F-ino Jennen paroladis pri vojaĝo al Granddukejo. Poste ŝi legis leteron de Sinjorino Morris, edzino de la Usona Ambasadoro, kiu reciprokis la bondezirojn de Brusela Grupo. D-ro Kempeneers parolis pri IEL, kaj ĝia oficejo en Londono. Fine oni organizis societludojn.

La 16-an, en la lernejo de la Placo de Londono, F-ino Jennen, en sia parolado antaŭ tre

multnombra aŭdantaro, kaptis la okazon paroli pri Esperanto. Temis pri « Vojaĝo al Proksima Oriento ».

La 27-an de Januaro, la klubo « La Coopération » organizis en sia ejo paroladon de D-ro Kempeneers : « Les applications pratiques de l'espéranto.

La 1-an de Februaro, oni ludis specialan kartludon, per kartoj, kiujn alportis la prezidantino.

La 8-an, la prezidantino faris en Esperanto, la paroladon kun lumbildoj pri « Proksima oriento ».

**Plia organizaĵo interesiĝas pri Esperanto.**

La 21-an de Januaro, okazis publika parolado de S-ro CHAPELLIER, eldonanto de la revuo « URANUS », pri « Esperoj kaj minacoj de la nuna momento ». En tiu parolado, li insistis pri la necesa interkompreniĝo kaj senpera interrilato inter homoj de diversaj tendencoj kaj aspiroj.

Por plifaciligi la interrilatojn, estis kreata organizaĵo kun nomo « La kunlaboro » (adreso: 334, rue Vanderkindere, Uccle).

Ĝi aranĝos kunsidojn, kiuj speciale estas destinitaj al la membroj bruselaj. Tiuj laborkunsidoj estos dediĉataj al pristudo de diversaj nuntempaj problemoj. Ili okazos ĉiun merkredon, je la 20a, rue Montoyer 20.

« La kunlaboro » ankaŭ celas interrilatiĝi la diversnaciajn abonantojn de la revuo «Uranus». Por efektiviki tiun celon, uzado de Esperanto estos enkondukata, grandskale.

La unua kunsido de « La kunlaboro » estis dediĉata al « La nunaj aplikoj de Esperanto ». La temo estis prezentata de D-ro Kempeneers. Tiu kunsido okazis merkredon, la 27-an de Januaro, je la 20a, rue Montoyer, 20, en Bruselo. La 17-an de Februaro, okazis diskuto pri la « Mona problemo ». En ĝi partoprenis nia sekretario S-ro Swinne, kiu parolis pri « la fandiĝanta mono ».

**CHÊNÉE, LIEĜO, SCLESSIN. — Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto.** — La societo konis ĉi tiun lastan tempon tre vivplenan periodon.

La kursoj estis iom plibonigataj kaj la nova metodo aranĝita de la profesoroj havis plej bonan sukceson.

Flanke de la ordinaraj kursoj, S-ro Leroy, prezidanto de la Lieĝa Grupo, profesoro ĉe la Herstal'a Ateneo, sukcesis krei en ĉi tiu instituto, kun la permeso de la urbestro, de la prefekto kaj de la studentgepatroj, regulan kurson por la bonaj lernantoj de tiu lernejo. Jam 20 infanoj vizitas tiun Esperanto-klason, kiun ni konsideras kiel unuan paŝon al la oficialigo de Esperanto-instruo en Herstal. Estu tutspeciale gratulata pri tio nia amiko S-ro Lerov, kiu estas la vera farinto de tiu venko plena je espero por estonto.

En la perfektigaj kunvenoj, la programoj daŭris esti plej allogaj, instruaj kaj amuzaj. Krom la ordinaraj laboroj (tradukoj, legadoj, ludoj, ktp.) estis inaŭgurataj kun plej granda sukceso la ĵurnal- kaj letervesperoj. Dum la kunsidoj de Januaro kaj Februaro estis ĉefe prizorgata leterinterŝanĝo kun Novzelando, Usono, Aŭstralujo, Rusujo, ktp.

La kalendaro de tiuj renkontiĝoj restas kiel antaŭe : la 1-an kaj 3-an ĵaŭdojn de ĉiu monato je 19 h. 30 en Sclessin (Kafejo Dechesne, rue Ernest Solvay, 1), la 2-an ĵaŭdon de ĉiu monato je 20-a horo en Lieĝo (Phare-hotelo, place Maréchal Foch).

Ni ankaŭ menciu la ĝeneralan jaran kunvenon de 31-a Januaro, ĉeestitan de multopa membraro, dum kiu estis prezentataj la financaj raportoj kaj elektata la nova komitato, konsistanta de nun el S-roj Baiwir, prezidanto; Bissot kaj Leroy, vicprezidantoj; Dechesne, ĝenerala sekretario; F-ino Baiwir, S-roj Magotteaux, Martiny, Piedboeuf, Lallemand, Goyen kaj Ponthir Léon, konstantaj anoj, S-roj Soyeur kaj Ponthir Laurent, konsilantoj. Dum tiu kunveno estis ankaŭ aranĝata, por la nuna jaro, tre grava programo kiu vidigas, ke en Lieĝo oni estas decidata, fari grandskale la aferojn.

### FAMILIA KRONIKO.

#### GRATULOJ.

Al F-ino Irène VERHELST, membrino de la Bruĝa Grupo, kiu edziniĝis al S-ro Albéric D'HOEST, el St-Andries (apud Bruĝo), kiu samokaze aliĝis al la Bruĝa Grupo. (2-2-37).

Ĉu vi konas la fandiĝantan monon ?

Al G-roj Leon COGEN-VAN RIJSSELBERGHE okaze de ilia arĝenta edziĝ-jubileo.

#### FUNEBRO.

Ni esprimas niajn plej sincerajn kondolencojn al nia bona amiko S-ro Leon BRAET, kies edzino S-ino Berthe-Maria Loobuyck mortis la 29-an de Januaro en Bruĝo.

Ĉiu, kiu konis la simpatian S-inon Braet, ekscios kun vera doloro pri tiu ĉi malgaja novaĵo. Ili komprenas plene la doloron de nia samideano el Nieuwpoort kaj de ties infanoj, kaj kompatas ilin.

# Ĉi vi konas la fandiĝantan monon ?

Jen okazinta utiligado de ĝi priskribita de unu el la nunaj belgaj ministroj :

« Wörgl estas vilaĝego en la valo de la Inn, en Aŭstrujo En Julio 1932 ĝia estro, Michel Unterguggenberger, varbita al la ideoj de Gesell instigis la komunumestraron eldoni fandiĝantan monon.

En tiu tempo, la financa stato de la komunumo estis malbonega, tiel ke gravaj planoj por ripari la vojaron kaj aliaj publikaj ellaboraĵoj estis forlasitaj.

Jen kiamaniere, laŭ tute certaj kaj interkonformaj atestoj, oni agis por pagi tiujn laborojn.

La komunumo presigis « laborbiletojn » valorantajn unu, 5 kaj 10 aŭstrajn ŝilingojn ; la tuta eldono valoris 32.000 ŝilingojn. La nomo « laborbiletoj » estis lerte elektita por eviti la privilegion de moneldono ; sed la loĝantaro kutimis nomi tiujn biletojn « helpmono », memorante la lokajn monojn, kiuj rondiris dum la milito. La komunumo estis kuniginta siajn lastajn rimedojn por garantii tiujn biletojn ĝis 100 procentoj, per leĝaj aŭstraj banknotoj deponitaj en la tiuloka ŝparbanko. Tiuj laborbiletoj estis disdonitaj por pagi la salajrojn kaj la liveraĵojn necesajn por la publikaj ellaboraĵoj, kiujn oni tuj komencis. Sekve de la propagando, la enloĝantaro akceptis tiujn novajn biletojn tute sen kontraŭstaro.

La laborbiletoj portis la sekvantan tekston : « **Unu procento de la valoro de tiu ĉi bileto devas esti pagata ĉiumonate per marko, kiel kunhelpo en la lukto kontraŭ la mizerego** » kaj tiuj biletoj enhavis dekdu lokojn rezervitajn por la suprecititaj markoj. Ekzemple, posedanto de unuŝilinga bileto devis ĝin stampigi ĉe la komunuma domo, je la fino de ĉiu monato, kontraŭ pago de unu groŝo. La komunumo forprenis do, sur la eldonitaj biletoj, jaran imposton valorantan 12 procentojn.

Post trimonata spertado, vidiĝis ke la iradrapideco de la 12.000 ŝilingoj ĝis tiam eldonitaj, jam estis ebliginta fari pagojn sumantajn je pli ol **cent mil** ŝilingoj.

Ŝajnas, ke ĉiuj trovis en tio profiton. La fandiĝanta mono ebligis al la vilaĝo Wörgl efektivigi grandskalajn laborojn : novajn stratojn kaj vojegojn, renovigon de la komunuma domo, betonan ponton, novan lumigsistemon, ktp. Plie, tiuj laboroj ebligis komplete forigi la senlaborecon kaj tio komprenеble ne okazis, sen profito por la komercistoj, kiuj siaflanke ne altigis la prezojn. Koncerne la komunumon, krom la profito, kiun ĝi ĝuis en la entreprenoj, ĝi ĝuis la 12-procentan imposton sur la nova mono, kaj 2-procentan takson por la ŝanĝo de laborbiletoj kontraŭ laŭleĝa mono.

La posedantoj de laborbiletoj utiligis ilin interalie por pagi siajn malfruiĝintajn impostojn, celante eviti la valorfalon. La enkasigoj de la komunumo, koncerne postrestantajn impostŝuldojn estis okfoje pli altaj dum la jaro kiu sekvis la enirigon de fandiĝanta mono, ol dum la antaŭa jaro. Laŭdire, oni vidis tiun nekredeblan fakton : impostpagantoj pagis siajn impostojn antaŭtempe.

La loka ŝparbanko ankaŭ funkciis grandsukcese. Ĉar la fandiĝanta mono, kiun oni deponis en ĝin ne suferis valorfalon, la ŝparbanko enkasigis abundajn deponojn. Oni efektive devas noti ke, laŭ la opinio de ĉiuj, kiuj pristudis la staton en Wörgl, la **nova mono havis nur bonan influon vidpunkte de ŝparemo**.

Oni kapablos prijuĝi la rapidecon de la mona rondirado, eksciante, ke 24 horojn post la eldono de la unuaj 1.800 ŝilingoj por la pago de la entreprenoj, la plej granda parto el tiu mono jam revenis en la komunuman kason, el kiu oni tuj remetis ĝin en ĉirkaŭiron. Oni eĉ certigas ke, la unuan monaton, la fandiĝanta mono dudek fojojn efektivigis tiun rondvojaĝon.

Oni malpli miras ke, en tiuj cirkonstancoj, la loĝantaro volonte konsentis pri imposto 12-procenta sur la nova mono. Klare vidiĝas ke, dank' al la profitoj, kiujn ĝi ĝuis, la suma rezulto estis absolute profitdona al ĝi. Tial aŭdiĝis grandega kaj unuanima protesto kiam oni komencis proceson kontraŭ la urbestro, pro lia malobeo je la leĝo rilatanta la moneldonan privilegion de la Aŭstra Banko. »

---

## La Gazetaro Parolas

**Redaktas: H. A. R. S.**

**NOVAJOJ.**

« ĈIELARKA STANDARDO » nomiĝas nova monata revuo, eldonata en Pollando. Ĝia subtitolo estas « Internacia kooperativa gazeto » kaj ĝi enhavas multajn interesajn artikolojn pri tiu ĉi temo. Ĝi estas bone redaktita, havas 16 paĝojn kaj aspektas bone. Resp. red. Johano Zawada. Adreso: ul. W. Gôrskiego 6, Warszawa, Pollando. Jara abonprezo : 5 svfr.

« ORIENTA KULTURO », Komagone-Dosaka 228, Tokio (Japanujo). — Aperas ĉiutrimonate. Abonprezo: 4 svs. fr. — Celas diskonigi al la tuta mondo japanan kaj orientan kulturon. La unua numero enhavas la jenajn artikolojn : Origino de la ĉina civilizacio ; Skizo sur ĉina literaturo ; Pri la maskoj, uzataj en la Noo-Dramo; Malaja rakonteto.

« INTERNACIA » estas nova argentina revuo por la disvastigo de Esperanto. Ĝi aperas en Rosario, kaj ĝia redaktoro estas s-ro Hugo J. Ceretti. La unua numero enhaavs multajn bonajn artikolojn kaj estas entute tre interesa, sed estas ekskluzive verkita en hispana lingvo.

« LITOVA STELO, Butkevicius Red. VI, Kaunas. Aperas ĉiudumonate. — Abonprezo: 3 lid. — La numero de Julio-Aŭgusto havas interesajn artikolojn pri Litovujo, kaj pri la temoj pridiskutotaj dum universalaj kongresoj.

**FORFALO.**

« HEREZULO » sendependa revuo por kontraŭbatali ĉiajn dogmojn, per la n-roj 7—8 ĉesas aperi. Okaze de la aperc de la unua numero ni recenzis tiu ĉi tre zorge eldonitan revueton.

**ATENTU !**

**Poŝtistoj, Telegrafistoj, Telefonistoj**

Via organo « *Interigilo de l' P.T.T.* », 324 Rue Lecourbe, Paris XV^e, por festi sian dekkvinan eldonjaron decidis disdoni senpagajn abonojn je tre simpla kondiĉo — vere la ideo estas nova kaj allogo —. Petu tuj informon.

---

# Internacia Esperanto-Ligo

CENTRA OFICEJO:
*Heronsgate, Rickmansworth (Herts.), Anglujo.*

La Ligo estas neŭtrala rilate al religio, nacieco kaj politiko.

IEL CELAS:
Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.
Plifaciligi la rilatojn inter la homoj sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo.
Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj.
Kreskigi inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco.

IEL KONSISTAS:
El la Landaj Esperantistaj Asocioj en preskaŭ ĉiuj landoj.
El kelkmil membroj diverslandaj.
El centoj da Delegitoj, Vic-Delegitoj kaj Fak-Delegitoj en preskaŭ ĉiu lando de la mondo, kiuj respondas la informpetojn de la membroj kaj helpas ilin okaze de vojaĝo.
El Patronoj, kiuj konsentas pagi pli altan kotizon por helpi al la internacia movado.

IEL LABORAS:
Por konstrui bone ordigitan kaj fortan centron de esperantista agado.
Por plifaciligi al siaj membroj la praktikan uzadon de la lingvo.
Por propagandi la lingvon en ĉiuj rondoj per kunlaboro kun la landaj kaj fakaj asocioj. La sukceso de tiu laboro multe dependas de la nombro de la personoj, en kies nomo la Ligo rajtas paroli.

IEL DONAS:
Al la *Membro kun Jarlibro (MJ)*: Membrokarton, servokuponaron kaj la Jarlibron.
Al la *Membro-Abonanto (MA)*: Membrokarton, servokuponaron, la Jarlibron kaj la monatan oficialan gazeton *Esperanto Internacia* dum la jaro.
Al la *Membro-Abonanto-Heroldo (MAH)*: Membrokarton, servokuponaron, la Jarlibron kaj la semajnan gazeton *Heroldo de Esperanto* dum la jaro.
Al la *Membro-Subtenanto (MS)*: Membrokarton, servokuponaron, la Jarlibron kaj la monatan oficialan gazeton; krom tio li rajtas ricevi premion.

NOTO: La oficialaj gazetoj estas *Esperanto Internacia* monate kaj *Heroldo de Esperanto* semajne.

LA JARLIBRO enhavas liston de la Delegitoj kaj la Grupoj tra la mondo, detalojn pri la organizaĵoj kaj gazetoj esperantistaj, raportojn pri la stato de la movado en la diversaj landoj, raporton pri la lasta Kongreso kaj multajn interesajn artikolojn.

---

**Estraro de "Belga Ligo Esperantista".**

Prezidanto: D-ro Paul Kempeneers, 19, Avenuo Montjoie, Uccle. (Tel.: 44.53.00.)

Vicprezidanto: S-ro Léon Cogen, 52, Dreef, Ninove.

Vicprezidantino: F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat—Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel.: 320.86.)

Ĝenerala Sekretario-Kasisto: S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel.: 777.58.)

*Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj:*
P.Ĉ.K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (Wilrijck-Antverpeno).

*Por pagoj al I. E. L.:*
provizore al la privata P.Ĉ.K 4109.91 de S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario.

*Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto:*
P.Ĉ.K. 1689.58, Anverpeno (Willemsstrato, 21)



**INTERNACIA ESPERANTO-LIGO**
**KOTIZOJ 1937**

| | |
|---|---|
| MAH Fr. 130.00 | MS Fr. 200.00 |
| MJ Fr. 22.00 | MA Fr. 50.00 |
| Patrono Fr. 750.00 | |

MEMBRO KUN JARLIBRO (MJ) ricevas membrokarton, servokuponaron, kaj la Jarlibron.
MEMBRO-ABONANTO (MA) ricevas membrokarton, servokuponaron, la Jarlibron, kaj la monatan oficialan gazeton dum la jaro.
MEMBRO-ABONANTO-HEROLDO (MAH) ricevas membrokarton, servokuponaron, la Jarlibron, kaj la semajnan gazeton « Heroldo de Esperanto » dum la jaro.
MEMBRO-SUBTENANTO (MS) ricevas membrokarton, servokuponaron, la Jarlibron, kaj la monatan oficialan gazeton ; krom tio li rajtas ricevi premion.

**Noto:** la oficialaj gazetoj estas *Esperanto Internacia* monate, kaj *Heroldo de Esperanto* semajne

***Pagu vian kotizon al:***
Via grupo aŭ al R. B. L. E. kune kun la kotizo, kiu por la Ligo estas Fr. 30,—.
Leterojn direktu al la Teritoria Sekretario S-ro Van den Bossche, Willemsstr., 21, Antverpeno.

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.